

# INTERNACIA ĴURNALISTO



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

Internacia Esperanto-Kursejo en Pisanica (Bulgario), situanta 1025 metrojn super la marnivelo, disponas pri komfortaj loĝeblecoj kaj ĉiuj necesaj laborkondiĉoj por konferencoj, kunsidoj kaj aliaj E-aranĝoj, landaj kaj internaciaj. Aŭtune de 1983 ĉi tie okazis Seminario pri Jurnalistiko.

jaro 23 • n-ro 1 • 1984

## TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEJA)

### ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto - Valter Haberl Redakcio "La socialisto" Wien 15, Fünfhausgasse 16 Aŭstrio.
Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev Esperov, 1680 Sofia kv.Borovo, bl.219, vh.B, Bulgario.
Nikolaj Danovskij, Latvia SSR, 226614 Riga-14 ul.Ostrovskogo 4-4, USSR.
Tadros Megalli, D-8387 Rosenbach, Untergafandorf, F.R.Germanio.
Ĝenerala Sekretario - Donĉo Hitrov, 1000 Sofia, ul.Han Asparuh 61, Bulgario.
Sekretario D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Citadella(Padova) - Italio.
Membroj de la estraro: Olaf Thormodsen, Box 59 59550 Haugesund, Norvegio.
Danuta Jakubiec, Zelechowskiego 2/17, LI-30-124, Pollando.
Kasisto por okcidentaj landoj: D-ro Dino Farbis Borgo Bassano 5, Citadella (Padova) - Italio.

### Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev Esperov, 1680 Sofio, kv.Borovo, bl.219, vh.B, Bulgario. Tel.56-58-77
Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Donĉo Hitrov.
Teknika aranĝo: Georgi Dolapĉiev kaj Evgeni Georgiev.

### ENHAVO DE N-RO 1 - 1984



---

Laŭ la malnova statuto de TEJA, en landoj, kie estas ĝis kvin membroj, ili elektas inter si unu reprezentanton de nia asocio; kie estas pli ol kvin membroj, ili elektas unu komitatanon. La komitatanoj kaj la reprezentantoj gvidas la asociajn aferojn en la respektiva lando: reprezentas nian asocion kie necese, varbas novajn membrojn, kolektas la membro- (abon) kotizon ktp.

Ni petas: la membroj de TEĴA, kie ne estas reprezentanto aŭ komitatano, bonvolu tuj elekti inter si konvenajn kolegojn por tiu ofiĉo kaj sendi ilian adreson al la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto". TEĴA-ano, kiu akceptas esti komitatano aŭ reprezentanto de TEĴA por sia lando aŭ regiono de sia lando, bonvolu informi la redakcion de "I.Ĵ." Se necese la Estraro de TEJA mem provizore nomos ilin.

**ANTAŬEN, AL NOVAJ SUKCESOJ**

En la komenco de la kvindekaj jaroj oni fondis la Tutmondan Esperantistan Jurnalistan Asocio. La unuaj ĝiaj gvidantoj estis F.Szilagi - Svedio, N.Kavenius - Finnlando, C.N.Jepsen - Danlando, A.Ribot - Francio, s-ino M.Fogel - FRG kaj D-ro Mildwurf - Anglio. Oni komencis serĉadi esperantistojn-ĵurnalistojn kaj varbi ilin por TEJA. La laboro ne iris glate, des pli, ĉar la asocio ne havis sian presorganon. Kaj la gvidanto - Szilagi ne povis labori. Oni provizore utiligis la paĝojn de "Norda Prismo", kies redaktoro estis tiam Szilagi.

Alvenis tamen novaj - pli junaj kolegoj, kiuj estiĝis membroj de la estraro de TEJA. Unu el ili - la nuna ĉefredaktoro de "Internacia Jurnalisto" - mem proponis kreon de asocia organo kaj li komencis presi ĝin en Sofio-Bulgario ankoraŭ en 1957, kiam aperis la unua numero sub la titolo "Bulteno", kaj poste sub la nuna titolo "Internacia Jurnalisto". Venis ankaŭ aliaj novaj estraranoj, el kiuj la kolegoj Olav Thormodsen - Norvegio - la plej longjara prezidanto de TEJA (ĝis 1983) kaj poste la sekretario-kasisto Dino Fabris - Italio kaj aliaj aktivuloj.

La asocio de esperantistoj-ĵurnalistoj bone aktivis, amasiĝis, organiziĝis kaj havis siajn ĉiujarajn jarkunvenojn, siajn landajn sekciojn, grupojn, komitatanojn kaj reprezentantojn en pluraj landoj. Por tio kontribuis la asocia organo, redaktata senŝanĝe ankaŭ nun de Ivan Esperov, tre bone helpata de bulgaraj kolegoj kiel redaktoroj, de Bulgara Esperantista Asocio, de ĝiaj kunlaborantoj kaj presejoj. Bedaŭrinde, la organizaj kaj la redakciaj aferoj ne ĉiam "marŝis" glate. Pro objektivaj kaŭzoj, miskompreno ktp. du fojojn la organo ĉesis aperadi, kio respeguliĝis ankaŭ al la aktiveco de Tutmonda Esperantista Jurnalista Asocio. Sed dank' al la obstineco de ĝiaj redaktoroj kaj la helpo de CE de BEA, la aferoj pliboniĝis kaj TEJA pli kuraĝe ekiris antaŭen. Nun la redakcio de "Int.Jurnalisto" estas solida kolektivo kun tre spertaj kolegoj kiel esperantistoj kaj longjaraj veteranoj ĵurnalistoj. Kaj la organo mem jam ekde la nuna n-ro unua estas en bela aspekto.

Do, post la jarkunveno de TEJA en Budapeŝto 1983 antaŭ niaj asocio kaj organo malfermiĝis tre vastaj perspektivoj, kiujn ni - estraranoj, redakcianoj kaj tejanoj bone devas profiti - kons-

cie, lerte kaj sindone favore al niaj nobla devo, gravaj taskoj kiel ĵurnalistoj kaj esperantistoj, kiel membroj de honore estimata asocio-kunlaboranta al la Universala E-Asocio, batalante por realigo de ĝiaj ideoj, planoj, aktivecoj.

Por ke ni povu pravigi nian indan lokon inter la ceteraj E-asocioj kaj organizoj, kiel reprezenta ĵurnalista Asocio internacia, ni ĉiuj - estraranoj, redakcianoj kaj membroj devas eklabori laúplane, energie kaj en plena interkonsento. Grava nia problemo estas krei konstantajn perleterajn rilatojn, kontaktojn - eĉ personajn - inter la estraranoj. Ĉiu el ili - laú sia posteno en la estrara hierarĥio - devas eklabori kiel gvidanto de la estraranoj (la prezidanto), la vicprezidantoj, la ĝenerala sekretario, redaktoro k.a. Unuatempe oni devas konkretigi la akceptitan planon por la estonta agado de TEJA, dividi la taskojn inter gvidantoj, aktivuloj kaj doni taskojn ankaú al apartaj membroj. Kaj la ĉefaj gvidantoj devas kontroli la plenumadon de la donitaj taskoj.

Kiel ni jam interkonsentis, kiel unuan nian taskon ni devas meti la organizan stabilecon de nia organiza reto - sekcioj, grupoj de TEJA, la reton de komitatanoj kaj reprezentantoj, la redakcian laboron. Samtempe oni devas prizorgi ankaú la aliajn taskojn: varbi novajn membrojn, prepari la TEJA-legitimilojn ĵurnalistajn ktp. La asociaj gvidantoj kaj membroj estas kapablaj kaj ili povas efektivigi ĉiun sian taskon. Antaú ni staras ankaú kulturklerigaj, propagandaj, informaj kaj aliaj taskoj kaj problemoj, labori kiel pacamantoj, amikoj de la internacia kunlaborado ktp.

Alia plenumenda tasko estas plifirmigo de niaj ligoj kun UEA kaj plilarĝigi nian kunlaboradon laú niaj devoj kaj taskoj. Ni ne perdu tempon kaj fortojn, ni tuj eklaboru, ĉar eble en Vankuvero (Kanado) okazos jarkunveno de TEJA 1985 kaj ni devas raporti tie, ke la fiksitaj pasintjare taskoj estas plenumitaj inde.

Antaúen, gekolegoj teĵanoj, al novaj sukcesoj!

!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"!"

ASOCIA INFORMO

La estraro de TEJA informas,ke membro, se ne estas, se nur kulaú la malnova statuto de TEJA,membro de la asocio povas esti ĉiu ĵurnalisto,korespondanto,publicisto,tradukisto,redaktoro.Se estas profesia ĵurnalisto,li estas A - nlaboras regule al amaskomunikiloj,li estas B - mambro. Ĉiu, kiu pagis sian membrokotizon, rajtas ricevi ankaú nian organon "Internacia Ĵurnalisto".

* * *

## amaskomunikiloj

### ĴURNALISTO - VIKTIMO DE LA MAFIO

**Potenca protesta demonstracio en u.Catania (Sicilio)**

(El gazeto "Respubliko")

La entombigo de la konata ĵurnalisto Ĝuzepe Fava, mortigita en u.Catania sur insulo Sicilio, transformiĝis en grandegan protestan demonstracion kontraŭ la arbitraĵoj de la mafio. Miloj da italoj elstaraj agantoj, verkistoj, sindikataj aktivuloj, multnombra junularo, reprezentantoj de la urbaj aŭtoritatoj - partoprenis la entombigan procesion. Dum la entombiga tago Catania deklaris ĝeneralan funebron.

Antaŭ la ĉefurbejo okazis mitingo. La oratoroj substrekis, ke Ĝuzepe Fava fordonis ĉiujn fortojn kaj dediĉis sian vivon al batalo kontraŭ la perfortoj de la krima gangstera organizaĵo, al senmaskigo de la aĉa agado de la mafianoj kaj iliaj protektantoj. En la paĝoj de revuo "Sicilianoj", kies redaktoro li estis, ne unufoje aperadis materialoj pri la kontaktoj inter la sicilia kaj usona mafioj, pri la intimaj ligoj de la ĉefuloj de la krimula mondo kun politikaj agantoj.

Ĝuzepe Fava, akcentis la oratoroj, revis pri la tempo, kiam la loĝantaro de Sicilio povos spiri libere, sen timo, ke ĉiumomente povas ricevi kuglon en la dorso el iu angulo. Li postulis pacan ĉielon super Sicilio kaj luktis kontraŭ la militariĝo de la insulo. Liaj artikoloj pri la grandega minaco, kiun prezentas la aperintaj en Okcidenta Eŭropo modernaj usonaj nukleraketoj provokis la malamon kaj la malkontenton de certaj militaristaj rondoj.

Precipe incitis la maniulojn de la nuklearmiloj por amasa detruo la alvokoj de la ĵurnalisto por malebligo de la instalado de 112 flugilraketoj en la bazon de Comizo (Sicilio).

"Ĝuzepe Fava estis nekoruptebla, nenio kaj neniu povis lin panikigi kaj tial oni decidis mortigi lin - skribis gazeto "Respubliko". Sed lia faro ne fiaskis. En la vicoj de la batalantoj kontraŭ la mafio kaj la perfortaĵoj de la militarismaj rondoj, kontraŭ la instalado de novaj raketoj en Sicilio ekstaras novaj homoj. Nun tiu ĉi movado akiras verdire tutpopolan dimension."

EN SALVADORO ONI MORTIGAS ĴURNALISTOJN



- Sed li unua ekpafis al mi...

LA ĴURNALISTOJ EN BATALO
POR LA VERO KAJ LA PACO
(El la gazetaro)

En la internacia movado por paco, por amikaj interrilatoj kaj kunlaborado de la popoloj aktive partoprenas ankaŭ la ĵurnalistoj. La aktuala komplika kaj streĉa internacia situacio postulas de la ĵurnalistoj multe pli atakeme batali por savo la homaron de la ŝvebanta minaco de nuklea neniigo. Lige kun tio okazis en Parizo fine de la pasinta jaro plivastigita plenkunsido de Prezidio de Internacia organizaĵo de ĵurnalistoj (IOĴ). Post la kunsido la ĝenerala sekretario de tiu organizaĵo Jrri Kubka deklaris:

"La internacia situacio neniam post la dua mondmilito troviĝis en simila kruda elprovo. La ĉefaĵo nun estas: ĉiu ĵurnalisto klarigu al si kie troviĝas la vero kaj kia estas lia loko. Mi estas certa, ke ĉiuj honestaj ĵurnalistoj en tiu ĉi sorto-decida momento distingos klare siajn poziciojn.

Nia alvoko estis akceptita kompreneme fare de ĉiuj realisme pensantaj demokratiaj ĵurnalistoj, kiuj subtenas la klopodojn por konservo de la paco kaj malstreĉigo de la internacia situacio

Nature, meze de la ĵurnalistoj en la tutmondo renkontiĝas diversaj konceptoj tiurilate. Tiuj, kiuj dividas niajn poziciojn

plinombriĝas ĉiutage. Ili klare konscias, ke luktante kontraŭ la instalado de usonaj raketoj en Okcidenta Eŭropo, ili fakte kontraŭstaras al la minaco de monda nuklea katastrofo. Nome al tio direktiĝas la klopodoj de la pli granda parto de la monda publika opinio, tiunombre ankaŭ la publika opinio en Okcidento.

Tiucele ekzemple renkontiĝis dekoj da okcidentaj ĵurnalistoj en Helsinki. Nome tial la demokrate pensantaj publicistoj ĉiam pli kaj pli orientiĝas al la porpaca movado, deklarante, ke ili simpatias al aŭtentika dialogo.

Elstara demonstracio de tio estis ankaŭ la forumo de ĵurnalistoj por paco, kiu akuzis en Parizo lige kun la Prezidia plenkunsido de IOJ. En tiu forumo renkontiĝis vice da reprezentantoj de la ĵurnalista porpaca movado el preskaŭ ĉiuj okcidenteŭropaj landoj. Ili emfazis la komunan respondecon de la ĵurnalistoj pri la sorto de l'mondo kaj esprimis pretecon batali sindone kontraŭ la minaco de nuklearmila morto.

Estas tre instrue, ke vice kun siajkolegoj el Eŭropo en la batalo kontraŭ instalado de usonaj raketoj en Okcidenta Eŭropo luktas ankaŭ la membrantaj en IOJ ĵurnalistaj landaj unuiĝoj el Azio, Afriko kaj Latin-ameriko. Mi mencios nur unu ekzemplon: dum la okazinta antaŭ nelonge Dua dialogo pri paco en Vieno la atenton de ĉiuj altiris la senkompromisa pozicio de indiaj ĵurnalistoj, kiuj decide kontraŭstaris la menciitan instaladon.

La IOJ jam depost sia formiĝo en 1946 enskribis en sian statuton unualoke la sindevigon, ke ĝiaj membroj batalos "por konservo de la paco kaj fortikigo de la amikeco inter la popoloj, por internacia reciproka kompreniĝo pere de libera, korekta kaj honesta informado de la publika opinio, kontraŭ la disvastigo de militarisma psikozo kaj pormilita propagando."

Tiun principon la IOJ proklamis nur jaron post la fino de Dua mondmilito kaj fieras, ke ĝi restas fidela al ĝi ĝis nun.

La IOJ direktas la membrantajn en ĝi unuiĝojn kaj ties individuajn membrojn konsekvence realigadi tiun grandan celon, super kiu staras nenio pli nobla, per plej alta profesia respondeco kaj en la spirito de ĵurnalisma etiko.

En 1984 ni organizos tutmondan ĵurnalistan renkontiĝon je la temo: "La ĵurnalistoj - por unu mondo, la mondo de paco." Ni esperas, ke oni renkontos kun intereso nian iniciaton eltrovi la vi-

vajn militkorespondantojn de la Dua mondmilito kaj organizi por ili renkontiĝon ĉe rivero Elba. Estas preparata ankaŭ ekspozicio en Hiriŝima de plakatoj kaj fotografaĵoj, dediĉitaj al la paco. Estas antaŭviditaj ankaŭ aliaj interesaj aktivecoj tiurilate.

## DEKLARACIO DE KOMITATO DE SCIENCULOJ POR MALARMADO

(El revuo "Scienca mondo" N° 1/1983/

La Komitato pri malarmado ĉe Monda Federacio de Sciencaj Laboristoj (MFSL) kunsidis en tempo, kiam la decidoj, kiujn la registaro devis fari, havos unuarangan signifon por la estonteco de l'homaro. La vetarmado, kiu daŭre kreskas kaj alprenas novan kvantan dimension, povas esti haltigita. Ĝi povas tamen esti ankaŭ intensigita per amasigo de novaj nukle-armilaj sistemoj - flugilraketoj Pershing-2 kaj la interkontinentaj MX-raketoj, per produktado de binaraj armiloj, per evoluigo de laseraj kaj radiadaj armiloj, kiel ankaŭ per perfektigo de la tiel nomataj konvenciaj armiloj per apliko de mikro-elektroniko.

Hodiaŭ pli ol ĉiam ajn post la fino de la Dua mondmilito, la publiko konscias la danĝerojn minacantajn la homaron, kaj la popola rezisto kontraŭ la sensenca vetarmado kreskis proporcie al tiu konscio. Ĝi manifestiĝas en la protektado kontraŭ la minaca instalo de flugil- kaj Pershing-2 - raketoj en Okcidenteŭropo(..)

Instrukciante pri la karaktero de la nukle-armiloj kaj la eventualaj postsekvoj de ilia uzo, la sciencistoj ludis gravan rolon en tiu rezist-movado. Tiurilate ili sekvis la ekzemplon prezentitan de Monda Federacio de Sciencaj Laboristoj per sia batalo por malarmado depost 1946. Estas evoluigitaj multaj iniciatoj, kiuj transpasas la klasikan formulon pri kontrolo de la armado. Ni gratulas ĉiujn tiujn proponojn - pri zonoj liberaj de kemiaj armiloj, pri konvencioj rilate uzigon de unua frapo, frostigo de la produktado, enkonduko kaj pluevoluigo de armiloj por amasdetruo, por kreo de pacaj zonoj sur teritoriaj regionoj, en la maro kaj en la kosmo. Ni postulas kontrolon de armado sur ĉiuj niveloj, akceptigon de aranĝoj pri limigo de l'armado, kondiĉe ke ili estos akceptitaj kiel paŝoj al redukto de l'armado ĝis stadio necesa por nacia sekureco en paca mondo.

Ni konfirmas denove, ke ni estas profunde sindonaj al la afero de l'paco kaj la malarmado, kaj ke ankaŭ estonte ni pledos

por tiuj ĉi celoj per ĉiuj rimedoj starantaj je nia dispono.

REDAKCIA NOTO: Kiel sciate, krom en la lingvoj franca, angla, germana kaj rusa, la organo de MFSL aperas ankaŭ en Esperanto.

SVEDA ĴURNALISTO PRI LA
MILITO KONTRAŬ NIKARAGVO.

(El sveda revuo "Komentario")

La svedo Peter Torbörsen estas la unua ĵurnalisto, kiu, kune kun fotoĵurnalisto, sukcesis viziti la tendaron de tiel nomataj "contras" (prononcu "kontras") en Honduraso. Li akompanis grupon de "contras", organizantaj atakojn kontraŭ la sandinista reĝimo en Nikaragvo. Siajn travivaĵojn Torbörsen publikigas en la sveda revuo "Komentario".

Ni decidis forveturi al Honduraso por renkontiĝi tie kun malamikoj de la nuna registaro de Sandinista Popolfronto en Nikaragvo kaj kontaktiĝi kun ili. Ni estis pretaj ĉiupreze sekvi ilin, kiam ili organizas atakojn. Alveninte en Hondurason ni komprenis, ke ĉiuj onidiroj pri "contras" estas tute aŭtentikaj . Ni konstatis, ke la fakta stato estas des pli malbona. Estas strange, ke pri iliaj bazoj mankas pruvoj pri ties ekzisto, fotaĵoj ekzemple.

Tial ni direktiĝis al la limo de Honduraso kun Nikaragvo. Tie ni trafis trupon, kiu estis preta por invado. Ĝi konsistis el ne malpli ol 6 mil personoj, eble eĉ dekmil. Ĉiuj tre bone armitaj. Ili estis pretaj komenci sian invadon. Ĝis tiam ĉiuj aktivecoj kontraŭ Nikaragvo estis organizitaj jenmaniere: ĉiunokte ili invadis Nikaragvon, torturis kaj timigis la vilaĝanojn. La viroj aŭskultis similan konsilon: Tie ĉi estas danĝere! Fuĝu trans la limon! La viroj, kiuj sekvis tiun konsilon, poste estis distribuataj inter la diversajn militbazojn.

Ni vidis minimume kvar tiajn bazojn, sed pli precize ili estas almenaŭ dekkvar. Ĉiuj estas subvenciataj de Hondurasa armeo. En ĉiu el tiuj bazoj troviĝas po 2-4 usonanoj, kiuj gvidas la bazojn laŭ la insisto de la hondurasaj soldatoj. Usonaj instruktoroj estas en ĉiuj bazoj kun pli ol 400-600 "contras".

Ni informiĝis, ke je 40 km de la ĉefurbo Tegusigalpe situas bazo proksime al la loko Patrik. Iun vesperon ni vizitis ĝin kaj deklaris, ke ni deziras paroli kun la komandanto. La postenanto venigis nin internen. Tuj evidentiĝis, ke neniu atendas viziton de ĵurnalistoj. "Ĉu ne vi estas amikoj de Diks?" - de-

mandis la postenanto. Ni kapesis. Bedaúrinde li ne plu troviĝis tie ĉi, nun li estas en Usono.

- Ĉu mankas iu, kun kiu ni povus paroli? - kapitano Harn - respondis la postenanto.

Oni suprenigis nin en aúton akompanate de soldato kaj ni direktiĝis serĉi Harn.

Dum la veturado ni rimarkis, ke ni troviĝas en tre moderna ĵurbazo, la plej moderna el la bazoj, kiujn ni vidis en Latin-ameriko. Ĝi situas en arbaro, estas bone maskita. Meze staris bunkero, kie ni trafis kapitanon Harn, usonano. Li montriĝis tre surprizita de nia apero kaj diris: "Vi ne rajtas resti tie ĉi. Estas necese havigi al vi permesleteron de la sekurec-servo". Ĉiam ankoraŭ surprizita, li rapidis forsendi nin.

Pli malfrue ni informiĝis, ke la soldatoj, gardantaj la bazon, apartenas al la ĝenerala stabo kaj ke tiu bazo estas destinita plenumi la rolon de interligo okaze se la milito moviĝos suden al Centra Ameriko.

Post kelkaj tagoj ni veturis al ilia bazo kun ĉirkaŭ 500 soldatoj. Ankaŭ tie ĉi ni estis la unuaj ĵurnalistoj. Ni konatiĝis kun la gvidanto - eksadvokato el Nikaragvo, elmigrinta kun Somosa. Li informis nin, ke "contras" ricevas subtenon el diversaj landoj kaj baldaŭ pretiĝos invadi. Al ni ĉio estis klara. Des pli absurdaj aspektis la argumentoj de Vaŝingtono, kies oficialaj oratoroj senĉese asertas, ke Usono ne enmiksiĝas en la internajn aferojn de Nikaragvo. Dume, ni ĉiutage konstatis la malon kaj tamen devis aúskulti similajn mensogojn.

Tio prezentas sekretan militon kontraŭ Nikaragvo. Sekreta, sed aĉa milito. Ni vizitis bazojn en Honduraso kaj fotis "contras" dum ilia militista ekzercigo. Ni observis montojn de armiloj kaj municioj - ĉio ĉi "meid in USA" (fabrikita en Usono).

La "contras" estas precipe junaj homoj, sen militista sperto. Nur iliaj ĉefoj posedas militan sperton, ĉar estis oficiroj en la armeo de Somosa. La instruktoroj havis ankaŭ militistan sperton, ĉar krom la oficiraj postenoj en la armeo de Somosa ili vizitis ankaŭ kursojn en Usono en ties militaj lernejoj.

Estis tre interesa kaj miriga la fakto, ke eĉ kiam oni malkaŝe parolis pri la konspiro de CIA kontraŭ Nikaragvo, eĉ ne unu usona ĵurnalisto venis kontroli ilian aŭtentikecon surloke.

La komandanto de la "contras" en provinco N.Segovia nomiĝas Mak. Kompreneble tiu nomo estas pseúdonomo kaj sonas usonece...

La ĉefstabo ne disponas pri stabila bazo, ĉar ofte ŝanĝas sian lokon. Per senfadena telegrafa ligo ĝi troviĝas ĉiumomente en konstanta kontakto kun Tegusigalpa kaj tiamaniere kontaktiĝas kun fremdlandaj instruktoroj en la Hondurasa armeo kaj en la ĝenerala stabo de nikaragvaj "contras". Tiel oni organizas la atakojn kontraŭ Nikaragvon. La civila milito en la norda parto de Nikaragvo estas iniciatita kaj planita en Tegusigalpa kaj Vaŝingtono. Tie oni prenas decidojn pri mortigado de dekmiloj da nikaragvanoj dum la sekvaj fazoj de tiu kontraŭrevolucia milito."

=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.

## NE NOVAJ ATOMARMILOJ!
## LA BOMBO DEVAS FOR!

Sub tiu ĉi-desegnita-titolo la gazeto KEG (Komuna Esperanto-Gazeto) - organo de la Federacio de E-organizoj en Nederlando - informas pri la aktiva partopreno de la nederlandanoj en la indignaj protestaj manifestacioj de la popolamasoj en la lando kaj speciale en Hago. Multaj slogantukoj, kelkfoje kriado, kiu ondis tra la amasoj antaŭen... La homoj estis unuanimaj, tre deciditaj en sia protesto kontraŭ la frenezo de nuklea armado...Partoprenis ankaŭ laboristaj esperantistoj. Entute 70 personoj kolektiĝis matene maldekstre de la centra stacidomo... Inter ili ankaŭ kelkaj eksterlandaj geamikoj.., kiuj antaŭpreparis slogantukojn en kaj pri Esperanto kaj pacmovado, samtiel kriante kaj kantante, kiel la popolamaso, eĉ esperantajn kiel: La bombo devas for el Nederland', el ĉiu land'. Ni kantu do en ĥor' la bombo estu for! For la nuklea plan el Nederland', el ĉiu land'.Ni kantu do spontane, for la nuklea plan'!...

Kaj post tiu ĉi informaĵo,KEG subtitole "Ne pagu!" skribas ke "En 1984 ni en Nederlando elspezos 13 miliardojn da guldenoj por defendo. Parto el tio estos por lokigo de la atomarmiloj.Nederlando pagos 31 milionojn da guldenoj al NATO por la preparado de alveno de 572 novaj atomarmiloj en Okcidentan Eŭropon.Tiu mono venas el la impostoj.Tial la agado "Betaal nist mee" (Ne kunpagu) instigas ĉiujn pacistojn - daŭrigas la gazeto - rifuzi malgrandan sumeton de la imposto, se la raketoj estis metitaj en nia lando..."

Kaj la legantoj de "Int.Jurnalisto" estas pretaj, kune kun la nederlandaj E-manifestaciantoj, kun ĉiuj pacamantoj, ekkanti "La bombo devas for!"

-==ooo==-

# BELETRO KAJ POEZIO

## SAVU LA VIVON!

Eŭgeno HUCALO

Ni savas la akvon. Ni savas la puran aeron -
en oceanoj, maroj. En etaj kaj grandaj riveroj.
Ni savas birdojn rarajn - ne ĉiujn specojn ankoraŭ,
nur iujn, elmortantajn en kampoj, arbaroj, herbejoj.

Ni cerealojn savas - de haladzo, fulgo kaj fum'.
Ni savas senbruon por pace silenti kaj ĝoji.
La straton ni savas de bruega benzina motor'.

Ni savas la teron. Kaj same ni savas ĉielon.
Kaj revojn ni savas - de l' amo la dolĉa motiv'.
Teneron ni savas... Savas ni la ĉi juvelon,
ĝis kiam ne tardas por savi almenaŭ ion
en tiu ĉi viv'...

El la ukraina esperantigis
Nadija ANDRIANOVA

Kievo, Ukrainio ĵurnalistino

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

**ALVOKO**

La redakcio de "Juna amiko" bonvenigas bonajn tradukojn en Esperanto de porinfanaj poemoj de klasikaj kaj modernaj poetoj. Bonvolu sendi kune kun originala teksto en du ekzempleroj al:
Oldřich Knichal, Budaörs, Patkóu.3.II.
19, 2040, Hungario.

Red.noto: La redakcio de "Int.Ĵurnalisto" petas s-anon Knichal sendi "Junan amikon" al "Int.Ĵurnalisto" reciproke. Krome, ankaŭ li bonvolu sendi ian kontribuaĵon al "Int.Ĵurn."

Ni atendas kun anticipa danko.

## - "SKIZOJ PRI LA HISTORIO DE BULGARA ESPERANTO-MOVADO" KAJ "ESPERANTO EN SERVO DE LA PATROLANDO"

(Du valoraj jubileaj libro-kolektoj pri la Bulgara Esperantista Movado)

Dum 1982 jaro la bulgaraj esperantistoj solene festis tre gravan datrevenon - 75an jariĝon de la fondiĝo de Bulgara Esperantista Asocio (1907-1982). Okaze de tiu hela jubileo la Centra estraro de BEA, paralele kun la organizitaj solenaĵoj enlande, eldonis du librojn-kolektojn kun skizoj, artikoloj, rememoroj pri la historiaj E-eventoj, epizodoj, E-agantoj, pioniroj, veteranoj ktp. La unua kolekto "SKIZOJ PRI LA HISTORIO DE BULGARA ESPERANTO-MOVADO" aperis en 1982, la dua - "ESPERANTO EN SERVO DE LA PATROLANDO" - fine de 1983. En ambaŭ kolektoj aperis per siaj materialoj niaj TEJA - membroj - en la unua: Hristo Gorov, Nikola Aleksiev, Ivan Keremidĉiev, Krâstju Karucin kaj Canko Murgin. En la dua: Hr.Gorov, N.Aleksiev, Asen Grigorov, C.Murgin, K.Karucin kaj Kunĉo Vâlev. Krom ili kontribuis per materia oj ankaŭ aliaj E-aktivuloj bulgaraj kaj docento J.L.Portnoj el Kazahstana SSR kaj d-ro Detlev Blanke el GDR. Multaj el la skizoj aperis en ambaŭ kolektoj - en la unua - en Esperanto, en la alia bulgarlingve.

En "Esperanto en servo de la patrolando" tamen aperis pli multe da titoloj - same necesaj kaj interesaj. Ĉiuj aŭtoroj lerte priskribas gravajn momentojn el la historio de la bulgara E-movado, skizojn pri elstaraj E-pioniroj kaj veteranoj. En la skizo de Hristo Gorov - prezidanto de BEA "75-jara jubileo de Bulgara Esperantista Asocio (1907-1982) menciante, ke Bulgario estas unu el la landoj, kie la Internacia Lingvo trovis plej favorajn grundon kaj kondiĉojn, tuj post la kreo de la verkoj de L. L.Zamenhof pri Esperanto, por la disvastiĝo de la lingvo, por la ekfloro kaj amasiĝo de la movado esperantista. La aŭtoro priskribas diversajn periodojn de la E-movado en Bulgario, menciante la nomojn tiurilate de la E-aktivuloj kaj veteranoj, inter kiuj estas multaj ĵurnalistoj - plej elstaraj iamaj kaj nunaj teĵanoj kiel As.Grigorov kaj N.Aleksiev, Atanas Lakov kaj Iv.Keremidĉiev, Kr.Karucin, Violin Oljanov, Angel Ivanov (Anĝelo), C.Murgin, d-ro St.Guĝev kaj aliaj.

Nia TEĴA-ano C.Murgin respegulas la vivon kaj agadon de la unua bulgara esperantisto, aŭtoro de la unua E-lernolibro kaj iniciatinto de la E-movado en la lando d-ro Miloslav St.Bogdanov. La sama aŭtoro en aliaj materialoj skribas pri la E-pioniroj Nikola Dimitrov Kovaĉev kaj Hristo Haralambiev kaj aparte pri la E-poetoj bulgaraj.

La TEĴA-ano Hr.Gorov - mem veterano kaj E-verkisto kaj poeto - en du aliaj skizoj skribas pri la veterano Ivan Haĝi Krâstanov kaj pri la partopreno de la esperantistoj en la kontraŭfaŝisma batalo. La veteranoj - kolegoj N.Aleksiev kaj As.Grigorov ankaŭ donas interesajn materialojn - la unua pri "50 jarojn Laborista Esperantista Asocio", "Bulgara E-Asocio dum la periodo 1960 - 1981" kaj "G.Dimitrov pri la E-movado". La dua - As.Grigorov notas la favoran rilaton de G.Dimitrov al Esperanto.

Estas ankaŭ artikoloj pri aliaj temoj koncerne la agadon de BEA, ekz.pri la fakultativa instruado de Esperanto en la mezler-

nejoj dum 1921-1923 (ĝis la faŝisma puĉo) de Dimitár Papazov, pri la beletra E-literaturo de K.Karucin, pri la Bulgara E-teatro de K.Válev, pri la virino en BEA de Belka Beleva, Esperanto kaj la profesioj de inĝ.Petár Todorov, Esperanto kaj la junularo de A.Todorov kaj aliaj biografiaj skizoj. Interese rakontas J.L.Partnoj pri la internaciaj E-ligoj inter la laboruloj en KazahstanaSSR kaj Bulgario. D-ro Detlev Blanke tuŝas la germanan-bulgaran amikecon per Esperanto.

La plejparto de la skizoj kaj artikoloj estas legitaj du, scienc-praktika konferenco en Veliko Târnovo 1982. La enhavo de la libro "Esperanto en servo de la patrolando" donas abundan informon al la legantoj kaj kompletigas la unuan "Skizoj...", en kiu estas interesaj skizoj ("La E-to movado ekde 1936 ĝis 1944" de Keremidĉiev)kaj "BEA post la popola venko super la faŝismo 1944-1960" de Georgi Dolapĉiev, nur tiuj mankas en la bulgara eldono de la dua kolekto, kio ne devis okazi. Oni povis respeguli ankaŭ aliajn momentojn el la historio de BEA - pri la ligoj kaj internacia korespondado de la esperantistoj, pri la multnombra E-gazetaro. Pri MEM kaj la aktiveco de la bulgaraj esperantistoj kontraŭ la atomarmilaro, por senarmigo, por paco kaj amikeco inter la popoloj.Oni povis represi ankaŭ la fotografaĵojn el la "Skizoj..." eĉ ankaŭ aldoni aliajn de elstaraj E-agantoj, de kongresoj, konferencoj k.a. Iuj aŭtoroj en "Esperanto en servo de la patrolando" aperis 2-3-4-foje sur la paĝoj, iuj spertuloj mankas kiel la menciitaj supre V. Oljanov k.a.

La libro-kolekto "Esperanto...", malgraŭ tio estas interesa, leginda kaj rekomendinda eĉ por la neesperantistaj legantoj. Ja ĝi respegulas la aktivecon de unu forta kultur-kleriga amasa taĉmento, kiu kontribuis al la liberigo de Bulgario el sub la faŝismo kaj kapitalismo, kiu ankaŭ nun estas en servo de sia patrolando - en la konstruo de la disvolvita socialismo, popularigas la landajn sukcesojn,kontraŭbatalas, senmaskigas la okcidentajn kaj aliajn, batalas por paco kaj sekureco en la mondo.

La libron-kolekton kompilis-redaktis C.Murgin, recenzis Hr. Gorov, pentris Ivan Ĉulev. Presejo de BEA.

Iv. Esperov

= - = - = - = - = - = - = - = = - = - = - = - = - =

**ENKETILOJ-ALIĜILOJ-MEMBRO-LEGITIMILOJ**

La estraro de TEJA ciklostile presos kaj baldaŭ dissendos al ĉiuj membroj-TEĴA-anoj specialajn enketilojn-aliĝilojn per la poŝto kaj per la kovertoj, en kiuj ni ekspedas al la membroj "Int.Ĵurnalisto"n.

Ni petas la TEJA-anojn, tuj post la ricevo de la enketilo-aliĝilo surskribi siajn nomojn kaj aliajn respondojn, substreki la necesajn vortojn, subskribi sin kaj sendi ilin al la redakcio de "IĴ". Krome ili nepre sendu per la samaj leteroj siajn klarajn personajn fotojn (3x4 centrimetroj), por la ĵurnalistaj legitimiloj, kiuj ankaŭ estas preparataj kaj post tio dissendotaj al ĉiuj membroj.

# El la scienco kaj la vivo




## FOTOGRAFIAJ MEDITOJ

Por bone kompreni la leĝojn pri la fotografado, ne nur necesas studi ampleksajn librojn, priskribantajn la econ de la diversaj sistemoj objektivaj, amasigi la sciojn pri la kvalitoj de multnombraj rivelilo j kaj legi atente la formulojn pri la kalkulo de tempo ekspona, sed urĝas ankaŭ la scio pri la propreso de filmoj,plakoj, kopipaperoj, filtroj kaj aliaj akcesoraĵoj, nepre bezonataj en la fotografa metio.

Nia scivolemo kontentiĝu je amatora kompreno, aspiranta bonan manipuladon de la fotografilo kaj mem celante pro malmulta mono akiri laŭeble netajn, klarajn bildojn, uzatajn en la propra hejmo. Por povi plenumi tion, ni devas sekvi aron de direktivoj, kiujn unu post la alia klopodu ekkompreni. Car la fotografio ege varias en sia aspekto, estas tro komprenebIe, ke ni unue direktu la scivolemon de la legantoj al la konstruo de aparatoj. Krome estu dediĉitaj kelkaj vortoj speciale al la objektivoj.La fotografaj objektivoj estas unu- aŭ dusistemaj. Ili konsistas el lensoj, konkavoj, konveksoj kaj miniksoj. Por ilia kunparigo (kunigo) oni uzas rezinon, kiu havas saman rifraktecon kiel la vitro. Ju pli akurate la lensoj estas koloritaj, des pli netaj povas fariĝi la bildoj, se ne sole la supraĵo de la lensoj efektivigas la bildan netecon. Ĝia materialo, kaj precipe la sistemo de la objektivo finfine formas la netecon de la bildo kaj estas devo de diversaj firmaoj optikaj konstrui tiajn objektivojn, kiuj korespondas al la imagoj de la fotografantoj. Pro diversaj prezoj de la objektivoj estas ankaŭ la kvalito diversa kaj tiel povas okazi, ke ni foje posedas aparaton, kiu ne tute taŭgas. Tiu ĉi manko povas esti plej grandparte eliminita, se ni scias la bonajn kaj malbonajn ecojn de la diversaj lensaj sistemoj. Egale necesa estas la kono pri la uzado de diafragmo, per kiu oni reguligas la kampan profundecon de la bildo, alivorte dirite per la diafragmo oni donas al la bildo kvazaŭ plastikan formon, sed krom tio la diafragmo estas uzata precipe ĉe la lensaj sistemoj kun maljusta, randa rifrakto kaj oni efektive forigas la ran-

dajn radiojn, kiuj damaĝas al la bilda neteco. En la sama aranĝo estas enkonstruita la oskaremo, per kiu oni limigas la eksponan tempon. Ĉe bonkvalita aparato oni sukcesas eksponi ĝis 1/500 aŭ 1/1000 da sekundo kaj malpli. Tiuj ĉi eksponaj tempoj estas uzataj interalie ĉe sportaj aranĝoj, kie oni nepre necesas pro la rapidaj movoj ĉe persono, objektoj ktp. Per la ĝis nun klarigitaj direktivoj ne estas tute elĉerpita la faka parto. Indus ankaŭ mencii la koloran fotografadon, la teknikon de pligrandigo kaj multajn aliajn specialajn fakojn: tiaj estas la ekspono ĉe arta lumo, ĉe lunlumo, dum pluva vetero, eksponoj malforaj ktp. Sed tiuj estas kiel mi jam diris komence - specialaj fakoj, kiuj postulas pli profundan scion de la fotografa tekniko kaj precipe praktikajn spertojn, kiujn oni alproprigas al si nur post jaroj.

Johan Bronec

= / = / = / = / = / = / = / = / = / = / = / = / = / = / = / = / =

ANKORAŬFOJE PRI LA STATUTO DE TEJA

Kiel ni jam anoncis en "Int. J-sto, en n-ro 2 de nia organo ni publikigos paralele la malnovan kaj la projekton de nova statuto de nia asocio. En n-ro 3 de "Int.J" ni komencos aperigi la diskutmaterialojn pri ambaŭ statuto-projektoj, sugestojn kaj opiniojn pri la statuto ĝenerale kaj pri ŝanĝoj en diversaj ĝiaj partoj, paragrafoj, alineoj ktp.

Ni publikigos la proponojn kaj la sugestojn en n-roj 3 kaj 4 de "IĴ" kaj la statutkomisiono, kiun la estraro de TEJA establos, poste ĝi, konsiderante kaj prijuĝonte la novan projekto-statuton. Post tio la estraro mem okupiĝos pri ĝi kaj venontjare , en jarkunveno de TEĴA (kadre de 70a UK de Esperanto) proponos tiun projekton je dispono kaj pridiskuto kaj definitiva akcepto fare de la ĉeestantaj TEJA-anoj.

Ni petas niajnmembrojn se iuj el ili ankoraŭ nun havas iajn ideoj kaj proponojn pri la nova statuto, bonvolu sendi ilin al la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto".

---

KARAJ TEJA- KAJ ILEF-anoj! "Internacia Jurnalisto" estas via presorgano. Ĝi fariĝos pli riĉenhava kaj interesa, se ankaŭ vi aktive kunlaboras al ĝi per diversaj ĵurnalismaj materialoj-artikoloj, eseoj, humuraĵoj, fotoj, desegnaĵoj, bildoj, per beletraĵoj kaj poeziaĵoj-originalaj kaj tradukaj.

Ni atendas, anticipe dankante.

## SEMINARIO PRI ĴURNALISTIKO

Por perfektigi la faksperton de junaj E-ĵurnalistoj Centra Estraro de Bulgara Esperantista Asocio organizis inter la 13-a kaj la 16-a de oktobro 1983 en Internacia Esperanto-Kursejo (IEK) - vilaĝo Pisanica seminarion pri ĵurnalistiko.

La seminarion (duan laŭvice post la ĵurnalista seminario en Plovdiv, aŭtune de 1981) gvidis Donĉo Ĥitrov - ĉefredaktoro de "Bulgara Esperantisto" kaj prezidanto de ILEF. En 12 kompetentaj lekcioj li tuŝis gravajn principajn problemojn de la ĵurnalistiko el vidpunkto teoria kaj praktika. Ĥitrov detale parolis pri la ĵurnalista agado - ĵurnalistikaj ĝenroj, problemoj de ĵurnalista verkado, teknikaj demandoj pri eldonado kaj disvastigado de revuo.

Dank' al sia granda ĵurnalista sperto la lektoro sukcesis en la mallonga tempo doni valorajn konsilojn pri la laboro de esperantistoj-ĵurnalistoj - libervolaj kunlaborantoj de "Bulgara Esperantisto". Substrekante, ke tre respondeca tasko de ĉiu esperantisto estas informi sian landan E-revuon pri gravaj kaj interesaj momentoj el la vivo de sia societo. La preleganto ankaŭ turnis atenton sur la fakton, ke la korespondaĵoj devas esti verkitaj en konvena formo. Li klarigis al la partoprenantoj la ĉefajn trajtojn kaj la plej gravajn taskojn de nuntempa E-ĵurnalistiko kaj la kvalitojn, kiujn ĉiu E-ĵurnalisto devas posedi kaj konstante perfektigi. Konklude Donĉo Ĥitrov parolis pri la nuna politika situacio en la mondo, pri la batalo de la popolamasoj por paco, kontraŭ la minaco de nuklea milito kaj prezentis la taskojn de la esperantistoj-ĵurnalistoj tiurilate.

Provokis intereson kaj estis bone akceptita la ideo pri la t.n. "murgazeto", kiun ĉiu E-societo povus eldoni. La murgazeto estas tre utila informilo pri la agado de la loka societo kaj samtempe - spegulilo de la laboro kaj maniero de manifestiĝo de la komencantaj E-ĵurnalistoj.

La seminario pri ĵurnalistiko ree pruvis la utilon de similaj iniciatoj de CE de BEA, ĉar novaj kadroj konstante eniras nian movadon kaj esprimas deziron kunlabori al niaj E-periodaĵoj. Kompreneble, ili bezonas helpon kaj zorgojn, kiujn povas certigi nur regula okazigo de ĵurnalistikaj seminarioj.

VANJA TODOROVA

- - - - -

**Noto de la Redakcio**: Ankaŭ ĉi-jare CE de BEA organizos de la 4-a ĝis la 7-a de oktobro seminarion pri ĵurnalistiko en IEK - Pisanica. Gin povus partopreni ĉiu eksterlanda membro de TEJA kaj de ILEF. La interesiĝantoj turnu sin por pliaj informoj al: Centra Estraro de BEA, p.k. 66, BG - 1000 SOFIO, Bulgario. Lasta limdato de aliĝoj: 31-a de julio 1984.



Partoprenintoj en la seminario pri ĵurnalistiko en IEK - Pisanica

**HISTORIO DE LA GAZETARO (daŭrigo)**

En 1898 aperis la tiel nomata "Imperiestra gazeto", presata en du ekzempleroj. Ĝi estis destinita nur al la imperiestro Vilhelmo kaj estis taksata kiel la plej malgranda laŭ eldonkvanto gazeto en la mondo.

*

En 1915 la franca gazeto "Maten" enkondukas la kino-romanon, kiu samtempe estas projekciata en la kinejoj kaj aperas presita en la gazeto. En la fino (en la gazeto) oni skribas:"sekvas en la kinejo" kaj fine (de la filmo) - "sekvas en la gazeto "Maten".

*

En 1929 la prezidanto de la Meksika respubliko, kiu havis fortan deziron klerigi sian popolon, eldonis originalan gazeton. Oni ĝin algluadis kiel afiŝon sur la murojn. La gazeto havis dimensiojn de 6 kvadrataj metroj. Ĝi enhavis artikolojn pri literaturo, muziko, sciencajn kaj sportajn informojn. Samtempe ĝi servis al la propagando kontraŭ la alkoholismo.

*

En 1929 en Baku (USSR) oni aranĝis interesan ekspozicion de gazetoj. En ĝi oni montris "gazetojn" sur palmaj folioj.

*

En 1947 la Franca aerkompanio "Er Frans" komencis eldoni ununuran laŭ sia speco gazeton sub la titolo "Aerkuriero". La unua numero aperis la 2-an de majo kaj forflugis la saman tagon al Nju Jork (Usono) per aviadilo. Ĝi estis disdonata al la vojaĝantoj ĉe elflugo de la aviadilo kaj kompletigita ĉe ĉiu surteriĝa flugejo dum la ripozo.

# el nia leterkesto

- Oskar Stolberg,Leipzig, DDR. Viaj leteroj ricevitaj. Dankon.La tradukon pri Schiller ni rezervos por 1985, ĉar ĝi estas jubilea.Vi povas varbi membrojn por TEĴA A - membrojn - profesiaj ĵurnalistoj kaj B - neprofesiuloj nur regulaj kunlaborantoj al amaskomunikiloj. Ankaŭ por ILEF. Ni petas, ke k-no Sab.Schulze mem konfirmu sian pretecon esti almenaŭ provizora reprezentanto de nia asocio.

- Joĉjo Ĉurić, Beograd, Jugoslavio. Ni ricevis vian aliĝilon. Bonvolu informi nin kiu via adreso estas preciza, ĉu tiu en Sl. Brod, aŭ tiu en Beograd? Kien ni devas sendi "Int.Ĵ-isto" n.2.

La kolego O.Thormodsen sendis al ni vian il.poŝtkarton.Bonvolu, ni petas, sendi al ni tuj klare skribitajn viajn proponojn pri ŝanĝoj de nia statuto.

- Jeza Tiberiu, Tg.Mureŝ. - En via adreso estis mankoj, tial vi ne ricevis nian organon kaj leterojn. Bv.respondi al ni. Ni pardonpetas.

- La ĉefredaktoro de Int.Ĵ-to" afable petas estraranojn, kiuj ne respondis ankoraŭ al lia cirkulera letero, bonvolu en baldaŭa tempo skribi al li. Antaŭdankon.

---===ooo===---

La estraro de TEJA kaj la redakcio de"Internacia Ĵurnalisto" tutkore dankas al ĉiuj TEĴA- kaj IFEF-anoj, kiuj salutis ilin okaze de la Novjaraj festotagoj.

* * *

REDAKCIAJ PETOJ

Ni petas ĉiujn membrojn de TEĴA kaj de ILEF kaj la abonantojn de "internacia Ĵurnalisto" nepre informi la redakcion per simpla poŝtkarto ĉu ili ricevas regule nian presorganon "Int.Ĵ." kaj kiuj numeroj mankas al ili, por ke ni sendu la necesajn numerojn.

Krome, ni petas ke oni informu la redakcion ĉu iliaj adresoj, kiujn ni metas sur iun paĝon de nia organo aŭ ĉu la adresoj, al kiuj ni sendas en koverto "I.Ĵ." estas precizaj. Se ne estas, oni bonvolu tuj sendi al ni la ĝustajn adresojn.

* * *

La redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" petas siajn kunlaborantojn sendi al nia organo siajn kontribuaĵojn nete skribitajn, sur unu paĝo de la folio, per purigitaj litertipoj, lasante 3-an - plej grandan interlinian distancon kaj larĝan marĝenon.

* * *

Estraranoj, reprezentantoj kaj membroj de TEĴA

La kolektitajn membrokotizojn bonvolu sendi al la jena adreso: Ĝirokonto n-ro 185-1052, DSKasa, Blagoevski rajon, 1000 Sofio, Bulgario.

Oni ne forgesu noti, ke la mono estas: por Bulgara Esperantista Asocio - por "Internacia Ĵurnalisto".

* * *

ANONCETO

Antaŭ kelka tempo komencis kompili kvarlingvan (germanan, francan, anglan, Esperantan) vortoliston pri temoj foto-kino-optiko H.R.Schmidt, ILEF-estrarano por fako foto. Li serĉas kunlaborantojn-fakulojn. Kontakt-adreso:

Str. d. Freundschaft 23, DDR-5400 SONDERSHAUSEN, DDR

* * *

=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=.=

